


N-ro 23 20.11.1972 kvara jaro, n-ro 5

Ĉi-foje mi vere ne povas plendi koncerne kvanton kaj kvaliton de kontribuaĵoj; eĉ, mi havis fortegan enbarason en la elektado de la artikoloj por ĉi tiu numero, el la multaj leteroj, kiuj atingis min lastatempe. Fine mi elektis tiujn sciigojn, kiuj ŝajnis al mi plej urĝaj, kaj prokrastis la reston al venonta numero.

Karaj geamikoj, mi sincere esperas, ke ankaŭ estonte mi havos tiajn problemojn, nome, ke vi ĉiuj daŭrigu vian helpadon. Mi estas nur redaktoro, tio estas kunordiganto de materialo, sed vi devas liveri tiun materialon!

Pro spaco-manko, mi eĉ ne povis prezenti, ĉi-foje, la diversajn rubrikojn pri novaj E-poŝtstampoj kaj pri filatelaĵoj koneksaj kun la internacia lingvo; sciu, tamen, ke mi jam havas plurajn novaĵojn por komuniki.

Mi kaptas la okazon por danki tiujn membrojn, kiuj afable sendis al mi novaperintajn E-filatelaĵojn; apartan dankon mi ŝuldas al s-ro BIELAK, kiu regule sendas al mi ĉiujn novajn polajn E-stampojn.

Mi kaptas la okazon por bondeziri al ĉiuj feliĉan Kristnaskon kaj Pacan Novjaron. Amike via

Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA(ITA).

# PRI SVISAJ APUDSTAMPOJ

En 1972-a la svisa E-poŝtstampo estis uzata ne de aùtomobila poŝtkontoro, sed de ne daùra poŝtkontoro instalata en la kongresejo. La diferenco estas granda kaj meritas detalan klarigon, ĉar ĝi havas signifon por la uzo de la stampoj. Mi plurfoje rimarkis, ke la svisaj "apudstampoj" ne ĝuas grandan entuziasmon ĉe multaj kolektantoj. Mi ofte aùdis: "ili estas poŝtaj, certe, sed nur "apudaj"". Ŝajnas al mi, ke se oni povus oni sisteme ilin eliminus. Kial? kial ili estas nur "apudaj"? Kurioza sinteno. Mi deziras hodiaù sankciigi tiujn stampojn klarigante ilian veran signifon.

Antaù ĉio, kaj malgraù ŝajna simileco, la svisaj stampoj BERN 1939, 1947, ZÜRICH 1955 kaj LUGANO 1972 ne estas de sama tipo. La tri unuaj estas stampoj de aùtomobila poŝtkontoro, dum la kvara estas de ne movebla poŝtkontoro. Ambaù tipojn ni atente priekzamenu.

Memorigaj stampoj de aùtomobila poŝtkontoro:

ĉar ĝi estas aùtomobila, tia poŝtkontoro povas halti ie ajn survoje aù ie ajn en aù ekster urbo. Pro tio la ordinaraj nuligstampoj de tiuj migrantaj poŝtkontoroj atestas nur la daton de la ekspedo, sed tute ne indikas de kie estis sendita la objekto. Vi povas rimarki ke, krom la tagdato, tiuj nuligstampoj nur indikas:"schweiz. automobil-postbureau" (aùtomobila poŝtkontoro), sen indiko de urbnomo. Tiuj survojaj poŝtkontoroj plej ofte deĵoras dum kongresoj, manifestacioj ktp, kaj uzas, krom la ordinara datstampo, ankaù porokazan stampilon nepre enhavantan la urbnomon de la evento kaj aplikatan apude de la deviga nuligstampo. Tamen ni tute ne povas konsideri tiujn porokazajn stampojn kiel simplajn "apudstampojn", kies rolo estas "ornama".
Niaj 3 svisaj E-apudstampoj (sen nuligpovo) nepre ne

ĉese kompletigas la datstampon, precizigante la devigan informon, kiu ĉiam mankas sur la nuligstampo: la urbonomon. La nuligstampo sen la apustampo nenion signifas, kaj tiu dua stampo (do la esperanta) estas la logika komplemento de la unua.

Apudstampo LUGANO 1972:

ĝi estas vere poŝta, ĉar ĝi estis uzata de poŝtistoj por la laŭleĝa poŝttrafiko. Tamen filatela nuanco ekzistas kompare kun la tri unuaj. En Lugano la poŝtkontoro ne estis "aŭtomobila" kiel antaŭvidite en la oficiala anonco, sed ĝi estis instalita en la kongresejo. Do ni ne havas la saman problemon kiel ĉi-supre. La uzita nuligstampo de la nemovebla poŝtkontoro estis "kompleta", en la senco, ke ĝi kunhavis la tagdaton + la urbonomon. Tamen la nuligstampo ne estis memoriga. Pro tio oni aplikis la jam pretan memorigan stampon apud la nuligita afranko. Kial ne? ĉu tio malpliigas la filatelan valoron de karto aŭ de koverto? Certe ne.

Kio eble okazis estas, ke unue la poŝto intencis deĵorigi aŭtomobilpoŝtkontoron, kiel kutime kaj dirite en la oficiala komuniko, kaj pro tio la administracio fabrikis specialan stampilon por la aŭtomobilpoŝtkontoro. Lastmomente, pro ia ajn kialo (fakte, por ni tute ne grave), la poŝtkontoro fariĝis nemovanta en la kongresejo anstataŭ aŭtomobila, uzante tamen la jam preparitan memorigan stampilon. Tio estas nur dedukto mia; ĝi ŝajnas al mi facile akceptebla. Ĉiukaze la memoriga E-stampo de Lugano estas vere poŝta, do, por ni, kolektinda.

Jean AMOUROUX, Perpignan, Francujo

Noto de la redaktoro: mi posedas ankaŭ ekzemplerojn de LUGANO 1972 kun la sola E-apudstampo, sen datstampo; ili troviĝis meze de granda stoko da kovertoj kaj kartoj, kiujn mi siatempe stampigis okaze de la kongreso; evidente temas pri eraro. A. DE SALVO

HONORAJ PROTEKTANTOJ DE LA U.K.

La moderna laŭtema filatelio povas neglekti nek la okazajn stampojn, nek aliajn filatelaĵojn, kiuj rilatas al la elektita temo.

Ni, kiuj interesiĝas pri la temo "Esperanto", devas atenti ne nur pri filatelaĵoj pure esperantaj kiel E-poŝtmarkoj, E-stampoj, E-tutaĵoj, UTK kaj tiel plu, sed ankaŭ zorgi pri materialoj ne esperantaj, kiuj tamen rilatas al nia temo "Esperanto".

Kompreneble tiuj kolektantoj, kiuj ne aspiras iam publike montri sian kolekton en iu pli grava filatela ekspozicio, nacia aŭ internacia, ne devas sekvi jenajn konsilojn. Tamen estas rekomendinde al ĉiu progresinta kolektanto enmeti en la kolekton materialon, kiu iamaniere ligiĝas al nia movado kaj larĝigas nian temon.

Ĉi-foje mi volas atentigi niajn koektantojn pri la poŝtmarkoj, sur kiuj aperis bildoj /portretoj/ de la honoraj protektantoj de la Universalaj kongresoj. Mi mem jam sukcesis havigi por mia kolekto ĉiujn pm kun tiuj altaj protektintoj, kaj tiamaniere substreki en la kolekto la oficialajn apogojn kaj rekonon de niaj Universalaj Kongresoj.

Jen la listo de ĉiuj ŝtatestroj sur la pm, kiuj en la historio de niaj U.K. akceptis la honoron esti protektantoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kongreso | 5-a | 1909 | BARCELONA, Hispanujo - Reĝo Alfonzo XIII |
| " | 7-a | 1911 | ANTVERPENO, Belgujo, Reĝo Alberto |
| " | 14-a | 1922 | HELSINKI, Finnlando, Prezidento K.J.STAHLBERG |
| " | 15-a | 1923 | NÜRNBERG, Germanujo - Friedrich Ebert, Prezidento |

| | | |
|---|---|---|
| Kongreso | 16-a 1924 | WIEN, Aùstrujo, Prezidento Michael Hainisch |
| " | 20-a 1928 | ANTVERPENO, Belgujo, Reĝo Alberto |
| " | 23-a 1931 | KRAKÓW, Polujo - Prof.Ignacy Moscicki, Prezidento, kajJOzef Pilsudski, unua marŝalo de Polujo |
| " | 28-a 1936 | WIEN, Aùstrujo, Wilhelm Miklas, Prezidento |
| " | 37-a 1952 | OSLO, Norvegujo, Kronprinco Olav de Norvegujo |
| " | 42-a 1957 | MARSEILLE, Francujo, René Coty, Prezidento |
| " | 45-a 1960 | BRUSELO, Belgujo, Reĝo Baùdueno |
| " | 49-a 1964 | DEN HAAG, Nederlando, Juliana reĝino de NederlaNDO |
| " | 53-a 1968 | MADRID, Hispanujo, Francisco Franco, ŝtatestro de Hispanujo |
| " | 54-a 1969 | HELSINKI, Finnlando, Prezidento Urho Kekkonen |
| " | 55-a 1970 | WIEN, Aùstrujo, Prezidento d-ro h.c. Franz Jonas, esperantisto |
| " | 58-a 1973 | BEOGRAD, Jugoslavio, Prezidento Jozip Broz Tito, esperantisto. |

La pm kun supre cititaj altaj protektantoj de la U.K. estas ĉiuj facile haveblaj, nur tiuj de la 16-a kaj 28-a en Aùstrujo estas malfacile haveblaj, ĉar ili estas aĉeteblaj nur en kompletaj serioj je altaj prezoj. Kompreneble temas pri neuzitaj ekzempleroj, kiajn mi enmetas en mian kolekton apude de la koncerna poŝtaĵo kun la stampo, se tiu estis oficiale uzita. Se la kongreso ne havis sian poŝtstampon, do oni povas dokumenti la kongreson nur per la taga stampo kaj la pm kun alta protektanto kaj klariga

teksto sube. Kun tiu ĉi aranĝo mi havas la plej bonajn spertojn en pluraj grandaj filatelaj ekspozicioj, ĉiam ricevinte pli altajn poentojn por mia E-kolekto.

Dolfa BARTOŜIK, PRAHA, Ĉehoslovakujo

## PRI LA KRAKOVA STAMPO DE 1912-A

La aferoj pri la "Unua poŝtstampo pri Esperanto en Kraków" por mi denove komplikiĝis. Laŭ filatelaj special-katalogoj kaj laŭ niaj sta-katalogoj ĝi estas oficiala. Tamen inter ni ankoraŭ estas mallaŭtaj duboj. Por mi denove jam grandaj dubojX Kiam okazis en Oświecim kaj Kraków la simpozio "Esperanto en filatelio" (30.9-1.10.1972), alvenis neesperantisto, kiu siatempe estis en kongresejo kaj kaptis "kiel memoraĵon" tiun malbenitan stampon en kongresa giĉeto. Tiu homo diris, ke ne estis poŝta stampo, sed memoriga de la kongresakomitato. Kaj li montris al ni tiun stampon. Ne estis poŝtisto, kiu metis tiun stampon sur la karton. Tion konfirmis dua persono, hazarde ĉeestanta en simpozio, kiu estis nek esperantisto, nek filatelisto. Bedaŭrinde tiu diskuto ne estis publika, sed ĉeestis nur Kostecki, Bartoŝik, Biesiada, mi, kaj iu pola serioza filatelisto (neesperantisto).

Kaj el tiu diskutado aperis dua "sensacio". Ni komparis tiun originalaĵon de tiu maljunulo, kiu estas nek esperantisto, nek filatelisto, kun posedaĵo kaj "duoblaĵo" de Biesiada. Ĝi estis falsaĵo laŭ konstato de tiu pola filatelisto-neesperantisto, laŭ mi kaj laŭ Bartoŝik. Kostecki ĉeestis. Duoblaĵoj de Kraków 1912 aperis antaŭ eble 5 jaroj en pli granda kvanto, antaŭe tute ne eblis trovi ie duoblaĵojn.

Estu la afero, kia ĝi nun estu, mi persone nepre rezignus pri posedo de la Unua E-poŝtstampo, ĉar

tro da enignmoj ŝvebas ĉirkaŭ ĝi.
Rudolf BURMEISTER, KARL-MARX-STADT,GDR

P.S. Bonvolu noti la novan adreson:
R.Burmeister, DDR-90 Karl-Marx-Stadt,Wilhelm Wolff Str. 1, 30-95-39

## NOVAJ E-GLUMARKOJ

1) Du kajeretoj kun po 4 sengumaj markoj, eldonitaj de Bond van Arbeiders Esperantisten, Sekcio Haarlem, Marnikstraat 57 N, Haarlem, Nederlando. Kosto 0.40 guldenoj plus sendkostoj por ĉiu 4-marka kajereto. La bildoj prezentas la skribaĵon "ESPERANTO EN NEDERLANDO", la nomon de 8 nederlandaj urboj (respektive Amsterdam, Rotterdam, Eindhoven, Gouda, Den Haag, Haarlem, Alkmaar kaj Utrecht), la koncernajn plurkolorajn urbajn blazonojn, monumentojn tipajn de ĉiu urbo, kaj kvinpintan stelon. (Ekzemplerojn sendis A.LAKEMOND; dankon).

2) Senguma glumarko por la venontjara Novzelanda E-Kongreso. Verda preso sur blanka papero. Tipa maoria masko kaj skribaĵo "KONGRESO DE ESPERANTO/ 38-a/JAN. 4-8 1973/ MASTERTON/N.Z.E.A./P.O. Box/330/Wellington/Nov-Zelando" (sendis I.PAULSSON; dankon). Verda stelo.

3) Memgluebla marko, verŝajne en sveda lingvo. Teksto: "ESPERANTO/det moderna internationella/spraket. Upplysningar pr/tel. 08-84 55 62, 0750-210 88,/ 08-43 60 75" (sendis I.PAULSSON, dankon).

Antonio DE SALVO, Roma, Italujo

NOVA MEMBRO num. 53: Ivan PEEV, ĈIRPAN,Bulgario. REAKCEPTITA MEMBRO num. 29: Ljubomir LEVIĈAROV, Bul."Lenin" 83. 107/A, SOFIO-13, Bulgario; li revenis post longa malsano.

# PRI STAMPKOLEKTO

Kiel jam plurfoje dirite ĉiu kolektas laŭ sia persona gusto kaj koncepto, sed diskuto ofte revenas kun ekstremaj vidpunktoj pri plena filatela valoro de kolekto-objektoj, kiuj eniris aŭ ne la poŝtan cirkuladon. Ĉu, por esti plenvalora, filatelaĵo devas nepre eniri la poŝtan cirkuladon aŭ ĉu ne necese? Mi opinias, ke oni devas nuanci la respondon:

1) ĝenerale, prezentante sufiĉe afrankitan koverton aŭ karton ĉe la poŝtgiĉeto kaj ĝin reprenante tuj post la stampado oni estas certa, ke oni havas senmakulan kaj perfektan objekton. Tio estas la vero. Poste oni povas aŭ ne skribi aŭ stampi adreson por doni al la tuto (laŭ sia propra koncepto) pli "poŝtan" prezenton.

2) Tamen, en kelkaj kazoj, NUR regule vojaĝintaj kovertoj kaj kartoj havos plenan poŝtan signifon, do filatelan valoron/Mi citas 3 ekzemplojn:

a) kiamaniere ricevi la reko-stampojn kaj etikedojn? ĉu sur komplezeme aranĝitaj koverto aŭ karto?Ne;

b) rigardante nur la memorigan nuligstampon (en E) de la 34-a Universala kongreso de Esperanto (1949), kiu povas diri, en kiu urbo okazis la kongreso?Same por la 37-a Brita E-kongreso (1953) kaj, laŭŝajne,por la bulgara E-kongreso de 1947. Tiuj stampoj estas stampoj sen urbnomoj. Kiu prezentis ĉe la kongresa poŝtgiĉeto afrankitan koverton aŭ karton, stampigis kaj ĝin reprenis, ne posedas plenvaloran filatelan objekton. Sur la korespondaĵoj, kiuj regule vojaĝis, la poŝto aplikis, apude, la ordinaran urb-dat-stampon, kiu estas la necesa komplemento de la nuliga. Do nur la 2 stampaĵoj formas la veran filatelaĵon;

c) stampoj sen tagdato: alia problemo sed kun sama konsekvenco. Rigardu la polan stampon uzitan en Varsovio en 1962 okaze de la 75-a jubilea jaro de Esperanto; ĉu vi scias kiam la poŝto ĝin uzis? Ne. Nur sur la

korespondaĵoj kiuj eniris la regulan cirkuladon la poŝto ankaŭ aplikis la ordinaran datstampon. La mia havas 31. 8.1962 (pri tiu stampo vi bonvolu ankaŭ legi la postkribon). Same okazis por Haarlem 1954, Den Haag 1964, Zagreb 1953, Utrecht 1968 ktp. Sur ĉiuj tiuj stampoj mankas la tagdato kaj sur la regule vojaĝintaj korespondaĵoj la poŝto aplikis la tagdatstampon. Do, ankoraŭfoje, la filatelaĵoj komplezeme aranĝitaj ĉe la koncerna poŝtgiĉetoj ne estas plenvaloraj.

Mi scias, ke kelkfoje oni vidas korespondaĵojn kiuj regule vojaĝis, kun simpla nuligo per stampo kiu ne indikas la ĝustan tagon de la ekspedo. Tio estas laŭ mi, pro nescio de poŝtoficisto, sed tio estas ne konforma al la reguloj de Universala Poŝta Unio.

Post skribo. En la lasta numero de "Fenikso", s-ro Burmeister petas, ke oni korektu la enskribon de la pola stampo n.10 aldonante: "apudstampo" (as). Mi povas diri, ke mi posedas 1 koverton, kiu normale eniris la poŝtan cirkuladon. Ĝi estas afrankita per 4 poŝtmarkoj, kiuj estis nuligitaj per 2 ekzempleroj de la pola stampo n.10. Apude la poŝto ankaŭ aplikis la ordinaran stampon kun dato 31.8.1962. Sekve de tio mi persone konsideras ke la stampo n.10 estas nuliga kaj ne apuda.

Miskomprenon oni povas fari, kiam la koncerna stampo estis aplikata sur samokaza poŝttutaĵo. Mi vidis kelkajn ekzemplerojn de la 2 unuaj polaj E-poŝttutaĵoj eldonitaj en 1962, kiuj ricevis la poŝtstampon polan n.10. La stampoj ne estis sur la enpresita marko mem, sed iom apude. En tiu kazo mi opinias, ke la stampo,estu ĝi sur la marko mem aŭ iom apude, estas tamen tute sama rezulto, pro la fakto ke la stampo nuligas la tutan karton (la marko ne povas denove esti uzata post eltranĉado), do inkluzive la nemakulitan enpresitan markon.
Kiel fina vorto, mi povas diri, ke mi posedas 1 ekzempleron de la unua pola E-poŝttutaĵo - do la karto je 40

ĝr - kiu ricevis la E-stampon polan n. 10. La stampo ne estas sur la enpresita marko mem sed iom apude. Laŭ mia teorio tio sufiĉis por poŝtnuligi la tuton. Tamen la koncerna karto estis plene skribita la 5-an de januaro 1963 (!) kaj enpoŝtigita al Ĉeĥoslovakujo. Ĉifoje la enpresita marko estis meĥanikestampita la 5-an de januaro 1963. La karto estis do uzita dufoje. Tio estas nur anekdoto, kiu pruvas, ke por bone analizi la stampojn oni devas kompari multajn ekzemplerojn el diversaj originoj. Tiamaniere oni povas kelkfoje noti ion interesan aŭ kuriozan.

Jean AMOUROUX, PERPIGNAN, Francujo

## ALVOKO

Karaj geamikoj, mi serioze petas vin, zorge traesplori la arek-an Sta-katalogon kaj kompari viajn posedaĵojn kun la katalogaj indikoj. Pri viaj konstatoj bv informi min.

Mi serioze petas vin, alsendi novaperantan materialon al mi kun indiko pri daŭro de la uzado, ĉu stampo estis uzebla en manoj de publiko, kaj aliaj informoj.

Kelkfoje la daŭro de la uzado de la stampo ne koincidas kun la daŭro de la koncerna aranĝo. Nur tiam, se min atingas tiuj informoj, eblas daŭrigi kaj kompletigi nian katalogon.

Rudolf BURMEISTER (v. adreson aliloke!)

## PRI LA STAMPO-BANKO

Amiko Frank Tichy ankoraŭ ne anoncis sin, bedaŭrinde. La doganoj en lia lando estas strangaj rilate al E-filatelo. Interalie skribis Burmeister kaj Vaňa, kiuj estis ĉe Tichy dum la somero, ke momente Tichy verŝajne troviĝas en Sovetunio. Oni serĉas anstataŭanton por la Stampo-Banko. Bv fari proponojn.

LA PORTLANDAJ STAMPOJ

Laù la lastaj informoj, mi ne scias, ĉu en Portland estis uzitaj du aù tri smpojn. Ekzistas stampo (ms) kun "Welcomes" ek de 1.5.1972; krom tio laù Simon kaj Mimlitsch speciala stampo (kaùĉuka) por kongresa poŝtejo; kaj laù Mimlitsch en urba poŝtejo funkciis stampilo por publiko (ĉu tiu ms de Postal Service 970 ?).
Rudolf BURMEISTER, Karl-Marx-Stadt, GDR

Bonvolu ŝanĝi, en la indikoj pri la memoriga stampo en Portland, de maŝinstampo" al "manstampo". Tio estas evidenta, kaj laù ĝia apero kaj laù mia propra sperto, vidinte la stampadon permana.
Richard E. WOOD, Baton Rouge, Usono

PRI LA STAMPO EN SOPOT DE 12.8.1972

S-ro GOLEC el Sopot desegnis la stampilon kaj konfirmis poŝtecon, ĝi estu as. Laù Kostecki same temas pri oficiala asAmbaù estas fidindaj filatelistoj. Ekzemple S-ro Golec deklaris, ke tiu stampo, kiu propagandas la polan E-kongreson de 1973, ne estas poŝta, sed uzita de la E-muzeo en Sopot; tamen ĝi aspektas absolute poŝta kaj eĉ ms.
Rudolf BURMEISTER, Karl-Marx-Stadt, GDR

ESPERANTO-HIMNO EN POLA STAMPO

La muziknotoj en la pola poŝtstampo de Sopot pri la 12-a Internacia FestivaLO de kanzono (23.8.1972), apartenas al la Esperanto-Himno "La espero"; tiun stampon projektis s-ro Jòzef GOLEC.
Marian KOSTECKI, Krakòw, Pollando

VENONTJARA ESPERANTA FILATELO EN POLUJO

Feliĉe, ek de 1973 la inundo de polaj E-stampoj malaperos, ĉar la poŝtoj serioze plialtigos la tarifon tiom alte (3.000 zlotoj por unu tago), ke preskaù ne

plu eblos aperigi stampojn.

En aprilo 1973 oni intencas okazigi filatelan ekspozicion pri esperanto en Gdańsk; la organizantoj alvokas ĉiujn kolektantojn partopreni tiun ekspozicion, per ekspozaĵoj, okaze de la pola E-kongreso.

Rudolf BURMEISTER, Karl-Marx-Stadt (GDR)

## PRI LA STAMPO OLSZTYN 1965

mi ricevis jenajn respondojn (vidu pasintan numeron de "Fenikso" koncerne la problemon): S-ro R. Burmeister skribis: "Olsztyn 1965 fakte estis uzita ĝis 15.10.1965, mi havas saman, en kat. ĝi tiel estas citita. Ĉu uzita de la poŝto, mi ne scias, sed dum tiu tempo estis apenaŭ eble akiri stampilon de la poŝto. Ofte la poŝto disponigas la stampilon dum pluaj semajnoj en poŝtejo, ĉar kolektantoj petas la stampon". S-ro Janusz MIKULSKI, ĝuste el Olsztyn, skribis: "Mi parolis kun ĉefdirektoro de la poŝtoficejo Olsztyn 1 pri la afero de la dato 15.10.1965; li diris, ke estas eble, ke dum la tempo en kiu oni uzis la stampilon iu oficisto malbone ordigis la presliterojn de movebla kalendaro de la stampo. Li kategorie diris, ke la poŝtstampo kun "fantazia" dato 15.10.1965 estas rezultato de malatento, eraro. Persone mi havas tiujn stampojn kun datoj 4.10.1965 kaj 10.10.1965, kaj opinias, ke ĉiuj stampoj kun datoj pli fruaj aŭ malfruaj estas senvaloraj".

Antonio DE SALVO, Roma, Italujo

ĈION PRI LA ADMINISTRADO (ekzemple la aliĝkotizon, kiu por venonta jaro estas la egalvaloro de 8 internaciaj respondkuponoj) bonvolu sendi al s-ro Ivar PAULSSON, Algatan 3, 3 tr., S-171 33 SOLNA, Svedujo, poŝtkonto 51 57 85-4. S-ro Paulsson informas, ke li ankaŭ peras la abonojn al "Norda Prismo", kvaronjara kultura, socia, literatura revuo.